12-a jaro. — N-ro 5 (135) MAJO 1926.

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

Fondita en 1908.

OFICIALA ORGANO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Fondintoj : L. CHAMPY, Fr. SCHOOFS, Am. VAN DER BIEST-ANDELHOF, J. VAN LAERE, Oscar VAN SCHOOR.

Direktoro :

FRANS SCHOOFS, Kleine Hondstraat, 11

ANTVERPENO

Redaktoro : M. JAUMOTTE.

Konstantaj kunlaborantoj : M. BOEREN, L. COGEN, W. DE SCHUTTER, S-ino L. FAES, H. PETIAU, F-ino R. SPIRA, F-ino J. VAN BOCKEL, J. VAN SCHOOR, H. VERMUYTEN.

Por la anoncoj oni sin turnu al :

H. PETIAU, St. Lievenslaan, 60, GENTO.



JARA ABONPREZO : Fr. 10.—
EKSTERLANDE : Fr. 12.50

ANTVERPENO
1926

12a JARO. N-ro 5 (135) MAJO 1926.

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

| Redakcia parto : | Abonoj kaj Monsendoj |
|---|---|
| FRANS SCHOOFS | FERN. MATHIEUX |
| 11, Kleine Hondstraat, Antwerpen | 94, Avenue Bel-Air, Uccle |
| Telefono 543.74 | Poŝtĉeko No 39984. |

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

## XVa Belga Kongreso de Esperanto

DE PANNE, 22-23-24an DE MAJO 1926.

AL LA PANNE !

Karaj Gesamideanoj.

Niaj amikoj el La Panne ageme preparas nian XVan kongreson, kiu promesas esti tre konforta. La programo estas tre alloga: okazos balo kun artfesto kaj la organizantoj nenion preterlasos por havigi al la gekongresanoj plej agrablan restadon.

Pri la agemo kaj la iniciativo de niaj apudmaraj samideanoj atestas la bela gvidlibreto, de kiu ĉiu abonanto de nia revuo ricevas ekzempleron kun tiu ĉi kajero.

Ni ree varme alvokas ĉiujn niajn Samideanojn iri al La Panne pasigi du tagojn en «Esperantujo», kie ili enspiros tiun freŝan kaj revivigan aeron, kiu plialtigas la koron, kiu incitas al frateco kaj al pacemo!

Al la novaj Samideanoj ni diras: «iru al La Panne konatiĝi kun nia Esperantistaro» kaj por niaj malnovaj propagandistoj la kongreso estos malofta okazo interparoli pri niaj aferoj kaj interŝangi ideojn pri propagandaj rimedoj.

NI DO IRU ĈIUJ AL LA PANNE ! !

Je l'nomo de «Belga Ligo Esperantista»
La Ĝenerala Sekretario,
HENRI PETIAU.

* * *

INSISTA PETO. — **Senprokraste sendu vian aliĝilon kun mono al la loka kongreskomitato.** Uzu la aligilon, kiu estas presita en la Aprila numero de nia revuo.

# KONFERENCO EN LOCARNO

DE

INTERNACIA CENTRA KOMITATO, KONSTANTA REPREZENTANTARO KAJ KOMITATO DE UNIVERSALA ESPERANTO - ASOCIO.

De la 3a ĝis la 6a de Aprilo kunsidis en la historia urbo Locarno la Int. C. K. kun la Komitato kaj Ĉefdelegitoj de U.E.A., kaj kun reprezentantoj de dudeko da naciaj Societoj.

La kunsidoj okazis en la Palaco de Justeco, en la sama salono en kiu sidis pasintan jaron la diverslandaj diplomatoj por pridiskuti kaj subskribi la Packontrakton de Locarno.

La lokaj aŭtoritatoj faris ĉion eblan por plifaciligi la laboron de la delegitoj kaj por agrabligi iliajn liberajn horojn, dum la samideanoj de la pentrinde lokita urbeto daŭre estis pretaj por helpi kaj servi en ĉiu cirkonstanco.

Dum la diskutadoj regis plej harmonia atmosfero. La delegitoj ekzamenis diversajn detalojn de la ĝenerala propagando por nia lingvo kaj donis al la Centra Komitato plej utilajn direktivojn por ĝia estonta laborado. Kelkaj detaloj jam aperis en la gazetoj «Esperanto» kaj «Heroldo».

Konstanta Reprezentantaro de la naciaj societoj plej amike interkonsentis pri enkonduko de diversaj justaj principoj en la nunan reguiaron de tiu organizaĵo.

Unuanime estis elektita ano de la Centra Komitato, S-ro D-ro Alfredo Stromboli, el Pisa, por anstataŭi S-ron Page, el Edinburgo, kiu ne plu deziris renovigon de sia ofico, kaj reelektita estis S-ro D-ro Edmond Privat, el Genève.

Unuanime, post propono de tri naciaj societoj, K. R. nomis S-rojn H. Petiau, el Gent, kaj Fr. Schoofs, el Antverpeno, kiel Prezidanton kaj Sekretario - kasiston.

Krom la persona sukceso de niaj du cititaj amikoj kaj la rekono de ilia laborado por nia afero, ni ankaŭ sentas en tiu elekto signon de simpatio al nia «Belga Ligo Esperantista» kaj al nia patrujo. Kaj pri tio ni fieras kaj ĝojas.

L. COGEN.

# LA MONUMENTO AL ZAMENHOF

En la ĉeesto de diverslandaj delegitoj kaj de la reprezentantoj de la lokaj aŭtoritatoj, okazis la 18an de Aprilo en Varsovio la starigo de monumento sur la tombo de la pola kuracisto, D-ro Zamenhof, kreinto de la internacia lingvo Esperanto.

La monumento estis starigita dank'al subskriboj kolektitaj en la tuta mondo inter la esperantistoj.

Je la okazo de tiu inaŭguro, pluraj paroladoj estis diritaj, inter alie de la ministro Grabowski.

**(La ĵurnaloj, laŭ HAVAS.)**

# GENTO

**Ĉefaj aspektoj de Gento.**

Ĉio, kio distingas Gent'on kaj ĉirkaŭaĵojn de la aliaj urboj de Belgujo, kio igas ĝin urbo tute sensama en la lando, estas la impona amaso de la fortikaj kasteloj kaj mezepokaj preĝejoj.



Estas la mirinda rektlinia aro de gravaj monumentoj centre de la urbo.

estas la miriga kvanto da memoraĵoj de malnovaj korporacioj kaj kunfrataroj,

estas la du Beginejoj, urbetoj murĉirkaŭataj, enloĝataj de centoj da virinoj, kun pitoreskaj mezepokaj kostumoj.

estas la du riveroj kaj multnombraj kanaloj, transpasataj de sesdek pontoj,

estas ĝiaj sennombraj florbedoj kaj parketoj, ĝiaj miloj da varmejoj, enhavantaj lukson de fremdaj kreskaĵoj.

Dum la 20a jarcento, vizitanto estas tiel profunde impresata de Gent, kiel estis Petrarca dum 1333 kaj Albrecht Dürer dum 1521.



* * *

**Kion ni nepre vizitu en Gento.**

«La katedralo Sankta Bavo»: La Adorado de l'Ŝafido, de fratoj Van Eyck, la ĉefverko de flandra pentrarto; belegaj pentraĵoj de Rubens, Pourbus, De Crayer, Otto Venius, Honthorst, Van den Heuvel, Rombouts; la plej belaj tombomonumentoj de la flandra Renesanco de Duquesnoy, Pauwels, Delcourt, Picq, Helderberg, Verschaffelt kaj Van Poucke, la belegaj kandelingoj de reĝo Henry VIII de Anglujo.

La Preĝejoj «Sankta Nikolao, Sankta Mihaelo» kaj «Sankta Jakobo», riĉe meblitaj dum la Renesanco. La impona «Grafkastelo»,datumanta de 1180. La «Beginejoj», urbetoj enloĝataj de beginoj portantaj la pitoreskan kostumon de la mezepoko. La «Belfrido», kun sia muzeo kaj sia fama sonorilaro de 52 sonoriloj de 1660 (sonorilara koncerto sabaton vespere je la 9a, de junio ĝis septembro). La

«Ruinoj de l'Abatejo Sankta Bavo», en kiuj estas la Muzeo de ŝtonaĵoj, posedanta la plej riĉan kolekton de la mondo pri tomboŝtonoj kun grandaj figuroj de la 13a ĝis la 14a jarcento. La «Urbestrarejo», la «Rabot», la «Granda Kanono» de la 15a jarcento, la «Muzeo de Antivaĵoj», la «Muzeo de Belartoj», la «Muzeo de Artoj dekoraciaj» en la bela Hotelo De Coninck, la nekomparebla rektlinia «Aro de grandaj Monumentoj», centre de la urbo, la belega «Herbo-kajo». Gent estas dividita de multnombraj akvovojoj je dudekses insuletoj, kiuj igas ĝin, diras Victor Hugo, speco de Norda Venecio.



**La Haveno de Gento.**

Kvankam Gento estas trafluata de la Schelde (Escaut), kie ĝin enfluas la Leie (Lys), tamen la urbo per kanalo de nur 32 km. estas rekte kunigita kun la mara Schelde ĉe Terneuzen, kie la riverego estas 5.360 m. larĝa kaj meznombre 10 m. profunda. Terneuzen kuŝas je nur 20 km. de la maro, tiel ke la ŝipoj, kun la 32 km. de la markanalo bezonas nur traveturi 52 km. por alveni de la maro ĝis la haveno de Gento. La kanalo de Terneuzen estas 8.75 m. profunda kaj larĝa je 97 ĝis 67 m. je la akvosurfaco. Estas 8 pontoj kaj nur unu kluzo, kiu estas longa je 178 m., larĝa je 18 m. kaj profunda je 8 m. Elektre kluzoj kaj pontoj estas movataj, kaj la tuta kanalo lumigata. La Genta haveno konsistas el Komercodoko, Lignodoko, Antaŭhaveno, Nova Doko, kaj tri flankaj dokoj. La tuta akvosurfaco estas 818.475 m2. Estas 8.630 m. da kajoj, 34 subtegmentejoj, 62 levilegoj kaj 2 sekaj dokoj el kiuj la plej granda mezuras 130 m. je 13 m. kaj kies sojlo estas 5.45 m. sub akvo.

Lau propagandaĵoj de «Inlichtingskantoor»
Halle - Belfort, Gent.

# PROMENO INTER NIAJ MONUMENTOJ

**I. — La rektlinia Monumentaro.**

«La Poŝtejo» (1906) de L. Cloquet kaj St. Mortier.

«La Preĝejo Sta. Nikolao. La ĉefpordego estas Romana (±1200), la alia parto de la ĉeffasado estas transira stilo (la duono de la 13a jarcento) kiel ankaŭ la internaĵo, kiu suferis multajn aliigojn. Belegaj pentraĵoj, predikejo Renesanca, mebloj Louis XIV stilaj, vitropentraĵoj.



«La Belfrido». La malsupra parto, ĝis la akso de la horloĝaj montriloj datumas de 1338, en la malsupra salonego estis konservataj la privilegiaj skribaĵoj de Gentanoj; en la turo pendas sonorilaro de 52 sonoriloj, preskaŭ ĉiuj datumantaj de 1660, kaj kies plej granda, pezas 6050 kgr.; la ventmontrilo estas kupra dragono de 1378. La juna Mozart supreniris dum Julio 1765 kun sia patro la Belfridon por ĝui la panoramon kaj viziti la sonorilaron.

«La Halo, (ĉe la Belfrido) de Simon van Asschen (1425); belega kelsalono kun 2 vicoj de 10 kolonoj; super la duobla ŝtuparo, oni envenas ampleksan belan Gotikan salonegon, kie la pavimo prezentas labirinton; tie estas la oficiala turista informejo.

«La Preĝejo Sta. Bavo», tre vizitinda: 12 luksaj tomboj de episkopoj, verkitaj de plej bonaj Flandraj skulptistoj de la 17a kaj 18a jarcentoj) 8 tre grandaj, belegaj kupraj kandelingoj (16a kaj 17a jarcentoj) riĉaj mahagonaj seĝoj (1767) marmoraj altaroj kaj barilo; belegaj kupraj pordoj; multaj majstroverkaĵoj de Flandra pentrarto, i. a. de Fr. Pourbus, G. De Craeyer, Rubens, H. kaj J. Van Eyck, Alpreĝo de la Dia ŝafido, bela predikejo, majstroverkaĵo de

Laurent Delvaux (1745). Sub la altarejo tre granda kelsalonego kun multaj kapeloj, lukstomboj kaj pentraĵoj.

* * *

**II. — La Abatejo de Nia Sinjorino en la Bijloke,**

kie la Muzeo de Antikvaĵoj estas aranĝita: la konstruaĵo de la manĝoĉambro estas belega Gotika laboraĵo de ±1330; la puntfarado, riĉe, ornamita per brika listelaĵo en formo de ogivoj, tri- kaj kvarlobaĵoj, lozanĝoj kaj rozoj, firme sed tamen elegante faritaj, estas senkontraŭdire la plej bela de sia speco,ne nur en Belgujo,sed ankaŭ en tuta Eŭropo. Antaŭ la bela fasado staras la domo de la abatino, kun nefermita galerio Renesanca. Meze estas ĝardeno de la sama tempo.

* * *

**III. — La Grafkastelo.**

Konstruita dum 1180, unu el la plej gravaj Romanaj fortikaĵoj de la mondo; la kelo de la ĉefturego estas kastelo de la 9a jarcento; granda aro da rimarkindaj salonegoj, belega kelsalonego, subteraj malliberejoj, plej bela panoramo de l'urbo de sur la platformo.

* * *

**IV. — La Malgranda Beginejo,**

fondita ĉirkau 1234, murĉirkaŭita urbeto de la 17a jarcento, kun bela preĝejo, granda herbejo, stratoj kaj ĝardenetoj, enloĝataj de 250 virinoj,mezepoke vestitaj; iuj beginoj enloĝas domon duope,aliaj domegon 20 aŭ 30 ope; ili okupiĝas per manlaboro kaj religiaj ekzercoj.

---

**FABELO.**

---

# LA BLUA PAPILIO KAJ LA LOTUSFLORO

Estis iam papilio kun bluaj flugiloj,kiu ŝatis promeni en la aero... Li estis kore amata de la sunradioj, kiuj sekvadis lin en lia flugado senmezura kaj kaprica, kaj kiuj kelkfoje tuŝetis lian eterkoloran flankon per tre dolĉa kareso.Li estis amata de la beletaj floroj blankaj kiel prujno,bluaj kiel la ombroj en la profundeco de l'arbaroj, flavaj kiel la hararo de la suno aŭ ruĝaj kiel la flamoj, kiujn ĝi dissendas antaŭ ol morti; li estis amata de ĉiuj la floroj, kiuj estas malgajaj,tial ke ili volus flugi kiel la abeloj, kuri kiel la insektoj, rampi kiel la vermoj. Kaj la papilion ili rigardadis daŭre, kun renversita kapo, ilia granda akvumita rigardo vualita per larmo de floro...

La papilio, li, sin apenaŭ okupis pri tio, trinkis la sunon kaj promenigis tra la ĉielo la metalbluon de siaj flugiloj. Li havis spiriton ege fantazieman, revis nur pri aventuroj. Li jam aŭdis paroli pri belulino lumeca kaj roza, kiu loĝas sur la ondoj de malproksima lago. Ŝi ravas

la kreitaĵojn pro la koloro de siaj petaloj kaj la paleco de siaj okuloj. Ŝi konsumiĝis en amsopira doloro kaj ŝia nomo estis lotusfloro.

Kaj la senritmaj kuradoj de lia spirito lin forportis en varmetajn regionojn, kie regas l'odoron de brulata ambro, kaj la lumo de la noktovualoj; en regionojn kie loĝas la feliĉo, kie sur ondoj malicaj balanciĝas la lotusfloro kaj ploras sub la severa rigardo de la luno. Kaj kaptis lin la deziregо forvojaĝi por Ŝin vidi, Ŝin vidi por diri kiom Ŝi al li estas kara... Li foriris kaj liaj bluaj flugiloj lin forportis tre malproksimen, al la lago de l'lotusfloro, kiu ploras.

Li forlasis la herbejon, kie sur la kruta rando de la malvigla rivero dormas la serpentoj sub ŝtonoj, kie ĉiuj la malgrandaj floroj ne interbabilas, sin ne konas reciproke. Li vidis arbarojn kovritajn de ombro blua kaj de ombro bruna, kie la belaj bestoj havas malkvietan okulon; la grenkampojn, kies odoro tedas same kiel la matura kaj dika koloro; la kompatindan rivereton fine, kiu ploras dolĉege, kiel malsana suĉinfano.

Dumtage li kuris, uzante la tutan forton de siaj streĉitaj flugiloj kaj nokte li sin kaŝis por dormi sub la folio larĝa, afabla, protektanta. Meze de la tria tago, malseka odoro lin avertis pri la apudeco de lago. Sub liaj grandaj flugiloj bluaj kaj kontuzitaj febre batis lia koro kiel motoro... Li estis laca; li sin kuŝis teren kaj ekdormis, la flugiloj refalditaj sur lia korpo tiel delikata...

Kiam, matene, li memoris, kial li estis veninta, li rigardis kaj vidis grandan lagon, kie amaso da ondoj bluaj kaj sunmakulitaj trotis kaj sin interpuŝis.

Kaj dolĉe lulata, la roza floro dormis ankoraŭ.

La papilio kun grandaj flugiloj bluaj pro tio tiom ĝojis, ke li sventurniĝis kiel mortinta folio. Per kelkaj saltoj li estis apud la ŝaŭmaj langoj, kiuj lekas la teron, kaj li diris:

« O ci, eta lango blua, kiu vivas eterne, ci kiu eble karesis ŝiajn grandajn petalojn aŭrorkolorajn, portu min do sur cia buklopinto ĝis en la mezo de l'akvo! » Sed la blua ondo iĝis blanka, ĝi estis surda.

« O ci, arĝenta radio, sur via dekliva dorso la anĝeletoj malsupren venas sur la teron; portu min do ĝis la lotusfloro, kiun vi tie vidas, kiu vekiĝas kaj sin streĉas! Mi cin petas! »

Sed la radio, alvenante en la akvon, mortis, rompiĝis en mil orbrilaĵetoj, malsekaj kiel gutetoj...

« O ci, bona folio, kiu puŝglitas al Ŝi, ĉu volas ci min preni sur cia dorso? Mi ja la koloron de miaj flugiloj donos al ci... » Sed la sensenta folio daŭrigis sian vojon kun malgrandaj fajreroj, kiuj respegulis sur ĝia larĝa kaj nervoplena haŭto.

Kaj tiam, la malfeliĉa papilio kun bluaj flugiloj, vidante, ke neniam li alvenos ĝis Ŝi... skribis Fabelon, la Fabelon de la Blua Papilio kaj de la Lotusfloro...

**Max Néama.**

# DU VERSAJOJ

### KVAZAŬ FORLASITA ŜIPO...

Kvazaŭ forlasita ŝipo
  fordonita al la mar',
mi solece erarvagas
  tra l' tumulto de l' homar'...

Sen aspiroj, sen deziroj
  kaj sen mono en la poŝ',
sed libere, ne devante
  time tremi je riproĉ'...

Riĉe pro glas' da biero
  al la soifanta lip',
pro kiseto de knabino
  kaj tabako en la pip'...

Tiel mi solece vagas
  tra l'tumulto de l'homar',
kvazaŭ forlasita ŝipo
  fordonita al la mar'...

**Jan Van Schoor.**

### PLUVEGAS...

Pluvegas... Min subite
ekkaptas malesper';
ho, se mi povus vagi
tutsole sur la ter'.

Sencele vagi, vagi
tra tranĉa pluv-torent',
kun miaj longaj haroj
flirtantaj en la vent'.

Ho, sole vagi, vagi
tra plenda pluva flu'
kaj halti en soleco
kaj plori, poste... plu!...

Pluvegas... Resonadas
la ŝtorma rapsodi'...
Pluvegas... Mi deziras,
ke morta estu mi...

**Jan Van Schoor.**

# ESPERANTISTA AKADEMIO — PRI LANDNOMOJ

### LA SISTEMO DE D-ro ZAMENHOF.

En la ĉi suba esploro mi tute **objektive** klarigos la Zamenhofan sistemon. Ĝin mi ne intencas, ne volas diskuti, sed mi rajtas konstati, ke ĝi zorge atentas pri la necesa rilato inter la nomo de la lando kaj tiu de la regnano, ke tre sufiĉe **logika** ĝi estas kaj ke, kiel skribis, en sia Raporto (paĝ. 8, Konkludo), Prof. Grosjean-Maupin «la fideleco al la ĝenerale akceptita tradicia estas, el praktika vidpunkto, pli sendanĝera ol ia ajn provo», sed plie, ke ĉia alia sistemo okazigas fatale inter la Esperantistoj kontraŭstaron, proteston kaj diskutojn nepre evitindajn.

### MALNOVA MONDO.

**Eŭropo, Azio kun Egiptujo. (1)**

La gento donas sian nomon al sia lando per aldono de l'sufikso - ujo (2).

(1) Por la antikvaj Grekoj kaj Hebreoj **Egiptujo** estis kvazaŭ Azia «kromlando». Ĝi — sed ne la cetero de Afriko, apenaŭ konita, — apartenas al la **Malnova Mondo.** — Same por D-ro Zamenhof, la tradukinto de la Biblio.

(2) Anstataŭ **-ujo** oni ĉiam rajtas uzi **-lando:** Franclando (mallongige kaj skribe: **Francl.**) apud **Francujo,** kiel **pomarbo** apud **pomujo,** **preĝdomo** apud **preĝejo.** — Lando ludas tie la rolon de sufikso.

| Gento: | Adjektivo: | Lando: | Gento: | Adjektivo: | Lando: |
|---|---|---|---|---|---|
| — | — | — | — | — | — |
| Angl - o | -a | -ujo | Ital - o | -a | -ujo |
| Bavar - o | » | » | Japan - o | » | » |
| Belg - o | » | » | Norveg - o | » | » |
| Brit - o | » | » | Pers - o | » | » |
| Bulgar - o | » | » | Pol - o | » | » |
| Dan - o | » | » | Portugal - o | » | » |
| Egipt - o | » | » | Prus - o | » | » |
| Fin(n) - o (3) | » | » | Ruman - o | » | » |
| Franc - | » | » | Rus - o | » | » |
| German - o | » | » | Saks - o | » | » |
| Grek - o | » | » | Skot - o (3) | » | » |
| Hind - o | » | » | Sved - o | » | » |
| Hispan - o | » | » | Svis - o | » | » |
| Holand - o (4) | » | » | Turk - o | » | » |
| Hungar - o | » | » | k. t. p. | | |
| Ĥin - o | » | » | | | |

La sama regulo taŭgas kompreneble por la postmilite restarigitaj sendependaj landoj:

| Gento: | Adjektivo: | Lando: | Gento: | Adjektivo: | Lando: |
|---|---|---|---|---|---|
| — | — | — | — | — | — |
| Aŭstr - | -a | -ujo(*) | Slav - | -a | -ujo |
| Ĉeh - | » | » | Slovak - o | » | » |
| Eston - o | » | » | Ĉehoslovak - o | » | » |
| Latv - o | » | » | k. t. p. | | |
| Litov - o | » | » | | | |

(*) Fakte, nova ŝtato, Ŝtato de la Aŭstroj.

* * *

## NOVA MONDO.

### Afriko (5), Ameriko kaj Oceanio.

Ĉar, politike, malaperis la primitivaj gentoj, la lando mem donas sian nomon al la regnano per aldono de l'sufikso **-ano.**

(3) Anstataŭ **Fin(n)ujo, Skotujo** oni ĝenerale uzas, konforme al la nacia nomo la formojn: **Fin(n)lando, Skotlando** (Vidu Rim. 2).

(4) En **Holando,** gentnomo, **lando** estas ne sufikso sed parto de l'radiko; parto de l'radiko ĝi estas ankaŭ en la landnomoj: **Nederlando, Islando** kaj, se **Ira** gento vere ne ekzistas, en **Irlando;** sekve ilia adjektiva formo estas **Nederlanda, Islanda,** k. t. p. kaj la regnana nomo: **Nederlandano,** k. t. p.

**Io** ne estas sufikso por landnomoj pri tio **ĉiuj** konsentas, kaj sekve, se **i** apartenas al la radiko, la adjektiva formo finiĝas par **i-a** kaj la nomo de l'regnano per: **i-an-o** (Vidu ekzemplojn en la listo **«Nova Mondo»** kaj Rim. 6).

(5) Esceptinte **Egiptujon** (Vid. Rim. 1).

| Lando: | Adjektivo: | Regnano: |
|---|---|---|
| Alĝeri - | -a | -ano |
| Argentin - | » | » |
| Aŭstrali - o | » | » |
| Bolivi - o | » | » |
| Brazil(i) - o (6) | » | » |
| Ĉil(i) - o | » | » |
| Kanad - | » | » |
| Kapland - o | » | » |
| Kolumbi - o | » | » |
| Marok - o | -a | -ano |
| Meksiki - o (7) | » | » |
| Nov-Zeland - o | » | » |
| Peru - o | » | » |
| Tunizi - o | » | » |
| Urugvaj - o | » | » |
| Uson - o | » | » |
| Venezuel - o | » | » |
| k. t. p. | | |

* * *

**Nomoj de Provincoj kaj Urboj.**

Aldoni la finaĵon -o al la provinca nomo: **Brandenburgo, Silezio, Provenco,** — se ne eble, senŝanĝe: **Loiret, Esseĵ.**

Kelkaj nomoj de gravaj ĉefurboj esperantiĝis: **Parizo, Ĝenevo, Kopenhago.** — Aliaj simple alprenas la finaĵon **-o: Londono, Berlino,** — se ne eble senŝanĝe: **Versailles, Breslau.**

En tiu ĉi landnoma demando, kiel en aliaj, plej bona gvidanto restas por ni D-ro Zamenhof.

**TH. CART,**
**Prez. de la Lingva Komitato**
**kaj de ĝia Akademio.**

(6) Ambaŭ formoj: **Brazil-o** kaj **Brazili-o** estas pli malpli internaciaj kaj uzitaj. Oni do rajtas elekti inter ili. Persone mi preferus — ĉar pli simplaj — la formojn **Brazilo** (adjektivo: **Brazila**; sed. de **Brazilio**, la adjektivo estas necese brazilia). Pri Ĉil(i)o oni rajtas same argumenti. — Ĉar tiaj detaloj neniel kontraŭas al la Zamenhofa kaj Fundamenta principo, plej bone decidos la enlandanoj mem en interkonsento kun la Akademio.

(7) Formo konsilita de Dro Zamenhof por diferencigi la landon kaj la ĉefurbon.

---

# LA OFERO

## EL LA VERKO DE Georges DUHAMEL «LA VIVO DE MARTIROJ».

(El Franca lingvo tradukis R. Spira.)

Ni estis malfermintaj ĉiujn fenestrojn. El siaj litoj la vunditoj povis ekvidi, tra la dancantaj varmondoj,la supraĵojn de Bernu kaj de Nogent-l'Abesse, la turojn de la ĉefpreĝejo, kiu staris ankoraŭ kiel agonianta leono meze de l'ebenaĵo de Reims, kaj la kretecajn liniojn de la tranĉeoj kiuj tranĉis la pejzaĝon.

Oni sentis pezi specon de senmoveco sur la batalkampo. Kelkfoje, fumkolono, tute rekta, leviĝis en tiu senmova malproksimo kaj la eksplodbruo aŭdigis sin al ni iom poste, kiel pro eraro, kvazaŭ ĝi hontus insulti la radian silenton.

Estis unu el la belaj someraj tagoj de l'jaro, unu el tiuj tagoj, kiam

la superega indiferenteco de la naturo sentigas pli kruele la pezon de la milito, kaj kiam la beleco de l'ĉielo kontrastas kun timego la angoron de l'koroj.

Ni estis finintaj nian matenan deĵoron kiam veturilo haltis antaŭ la perono.

— Deĵoranta kuracisto!

Mi malsupreniris la ŝtupojn. La motoristo klarigis al mi:

—Estas tri malgravaj vunditoj, kiuj ne haltos tie ĉi. Kaj plie estas gravaj vunditoj...

Li malfermis la postaĵon de sia aŭtomobilo. Unuflanke dormetis tri sidantaj soldatoj. Aliflanke estis videblaj homportiloj kaj piedoj de kuŝitaj homoj. Tiam el la fundo de l'veturilo eliĝis voĉo malalta, grava, hezitanta, kiu diris:

— Mi, sinjoro, mi estas grava vundito!

Estis, plimulte junulo ol viro! Iomete da haretoj sur la mentono, kurba nazo forte formita, malhelaj okuloj, pro la ekstrema malforteco ŝajnantaj supermezuraj, kaj vizaĝkoloro malbrile griza kiel ĝin havas homoj, kiuj perdis multe da sango.

Ho, kiel mi estas laca; li diris.

Dum oni supreniris la ŝtuparon, la vundito tenis sin per du manoj ĉe la homportilo. Li iomete levis la kapon kaj ĵetis al la verdaĵo, al la belaj montetoj, al la horizonto ekbruligita, rigardon plenan je miro, turmentiĝo kaj submetiĝo. Li subite troviĝas en la interno de l'domo...

Jen komenciĝas la historio de Gastono Léglise. Estas tre modesta kaj tre malgaja historio; sed diru al mi, ĉu ekzistas nun, en la mondo, historioj kiuj ne estas malgajaj?

* * *

Léglise enspiris nur unu eron da kloroformo kaj tuj li ekkonis dormon, kiu apudas la morton.

Ni rapidu — diris al mi la ĉefa kuracisto, — tiu malfeliĉa infano estas restonta sur la tablo.

Li ekskuis la kapon, dirante: Du genuoj, du genuoj, kie estonteco!

Havi la ŝarĝon de la sperto estas tre doloriga afero. Estas ĉiam suferige kiam oni havas sufiĉe da memoro por distingi la estontecon.

La malgrandaj granatpecetoj faras al la viraj kruroj malgrandajn vundojn; sed tiuj vundetoj povas kaŭzi gravajn malordojn. La genuo estas ja tiel komplika, tiel delikata mirindaĵo!

La kaporolo Léglise estas nun en la lito. Li pene spiras kaj singultas kiel iu kiu ĵus ploris.Liaj okuloj promenas malrapide ĉirkaŭe;li ne ŝajnas decidita vivi! Li observas la boteleton da sero, la tubetojn, la pilolojn, la tutan aparaton preparitan por revivigi lian tremantan koron, kaj li ŝajnas havi multe da ĉagreno. Li volus trinki, kaj tio ne estas ankoraŭ permesita; li volus dormi, sed la dormo estas rifuzita al tiuj, kiuj plej multe bezonas ĝin; li volus eble morti, sed ni ne volas tion.

Li revidas la observpostenon,kie li pasigis la nokton,en la unua rango

inter ĉiuj soldatoj. Li revidas mallarĝan pordon randumitan per tersakoj tra kiu li eliris frumatene por enspiri freŝan aeron kaj vidi la ĉielon el la fundo de la kava tubirejo. Ĉio estis silenta; la frua somera mateno estis dolĉa ĝis la profundo de la tubirejo. Iu tamen gardis kaj spionis la malfortan sonon de liaj paŝoj. Nevidebla mano ĵetis bombon. Li volis rapide repaŝi la pordon, sed li estis metinta sakon kontraŭ la dorson kaj estis ĉirkaŭita en la pordo kiel rato en kaptilo. La aero estis disŝirita pro la eksplodbruo kaj liaj kruroj estis disŝiritaj, kiel la pura aero, kiel la somera mateno, kiel la dolĉa silento.

* * *

La tagoj trapasas kaj denove la sangfluo komencas ekaperigi, la sangajn vejnojn, komencas delikate kolori la buŝon kaj redoni al la rigardo la profundecon kaj brilon.

La morto kiu etendiĝis sur lia tuta korpo kiel en okupita lando, foriĝis, cedante iom post iom la lokon; sed jen ĝi haltas: ĝi alkroĉos sin ĉe la kruroj, ĝi ne volas plu lasi iin; ĝi postulas ion kiel parton; ĝi ne konsentas esti senigita de tuta ĝia kaptaĵo.

Ni disputas al ĝi la parton kiun ĝi elektis. La vundito rigardas nian laboron kaj niajn penojn, kiel iu kiu metis sian aferon en la manojn de kavaliro kaj povas esti nur rigardanto de la turniro, povas nur preĝi kaj atendi.

* * *

Estas necese lasi la parton al la monstro; estas necese cedi unu kruron. Nun komencas la batalo kun la viro. Kelkfoje dumtage mi eksidas apud lia lito. Ĉiuj niaj interparoloj vice malsukcesas; ĉiam ni reiĝas silentaj kaj same zorgemaj. Hodiaŭ, Léglise diris al mi:

— Ho! Mi bone scias al kio vi pensas...

Ĉar mi ne respondis, li petegis:

Eble oni devas ankoraŭ iam atendi... Eble morgaŭ estos pli bone...

Kaj subite kun konfuzo:

— Pardonu al mi! Mi fidas al vi ĉiuj. Mi scias, ke vi faras tion, kio estas necesa. Sed eble post du aŭ tri tagoj ne estos tro malfrue...

* * *

Du aŭ tri tagoj! Ni vidos morgaŭ...

La noktoj estas treege varmaj. Mi suferas pro tio por li.

Mi venas viziti lin lastan fojon vespere kaj kuraĝigas lin ke li dormu. Sed liaj okulaj estas larĝe malfermitaj en la nokto kaj mi sentas lian maltrankvilan rigardon.

Pro la febro lia voĉo iĝas senspira:

— Kiel vi volas ke mi dormu kun ĉiuj tiuj pensoj?

Kaj li aldiras pli mallaŭte:

— Do vi volas? Vi volas?

La mallumo kuraĝigas min kaj per la kapo mi faras signon: jes!

Finante lian bandaĝon, mi diras al li el profundeco de mia koro:

— Léglise, ni endormigos vin mogmaŭ.Oni ekzamenos la aferon sen-sentigante vin kaj faros tion kio estos necesa.

—Mi scias ke vi tranĉos ĝin...

— Ni faros tion kio estos necese fari.

Mi divenas ke liaj buŝanguloj certe iom malleviĝas kaj tremas. Li pensas laŭte:

— Se almenaŭ la alia kruro ne estus malsana!

Mi ankaŭ pensis al tio, sed mi ŝajnigas al li, ke mi ne aŭdis. Ĉu ni ne havas sufiĉe da peno por hodiaŭ?

Mi pasigis tutan parton de posttagmezo kunkudrante pecojn la nepenetrebla ŝtofo. Li demandis:

— Kion vi faras tie?

— Mi fabrikas maskon por endormigi vin per etero.

— Mi dankas al vi: la kloroforma odoro estas tiel suferiga por mi.

Mi respondas: «Ĝuste, estas tial». Por diri la veron, mi ne scias ĉu li povus en tia stato toleri la krudan kloroformon.

* * *

Le femuro de Léglise estis tranĉata ĉi tiumatene. Li estis ankoraŭ dormanta kiam ni portis lin en nigran ĉambron por ekzameni lian alian kruron per la radioj X.

Jam li komencis plendi kaj ekmalfermi la okulojn, kaj la radiografisto tute ne rapidis. Mi faris mian eblon por rapidigi la operaciojn kaj reportis lin en lian liton. Tiamaniere li rekonsciiĝis en la plena sunlumo.

Li, kiu estis ĵus denove tiel malproksime de la imperia nigro, kion li pensus se li reĵekiĝus en tuta mallumo,plena je ombroj,je malllaŭtaj paroloj, je fajreroj kaj fulmantaj lumetoj?

Tuj, kiam li povis paroli, li diris al mi:

— Do, vi tranĉis al mi la kruron?

Mi faris signon. Liaj okuloj pleniĝis je larmoj, kaj ĉar lia kapo estis mallevita, la dikaj larmoj fluis en liajn orelojn.

* * *

Hodiaŭ li estas pli trankvila. La unuaj bandaĝoj estis tre dolorigaj. Li rigardis la malkovritan membrorestaĵon gutentantan je sango,skuantan, kaj diris:

— Tio ne estas bela, tio ne estas bela!

Ni tiel antaŭzorgis, ke jen li estas refreŝigita por kelkaj horoj.

— Oni rakontas pri milita medalo por vi, diris al li la ĉefa kuracisto

En la intimeco, Léglise konfesis al mi hezitante:

— Ili eble ne volos doni ĝin al mi, la medalon.

— Kial do?

— Mi estis punita, mankis butonoj ĉe la kapoto de unu el miaj viroj.

O! mia amiko, infano skrupula, ĉu mi povus ankoraŭ ŝati miajn landanojn, se ili memorus eĉ unu sekundon tiujn malfeliĉajn butonojn?

Li diras kun graveco: «miaj viroj», kaj tiam mi rigardas lian mallarĝan bruston, lian maldikan vizaĝon, lian infanan frunton, kavigitan je gravaj faldoj, kiu akceptas ĉiun respondecon, kaj mi ne scias kiel montri al li mian amikecon, mian respekton.

(Daŭrigota.)

---

# BELGA KRONIKO

ANTVERPENO. — LA VERDA STELO. — La 3an de Aprilo, la membroj pasigis agrablan vesperon en la klubejo. La 10an, okazis la disdono de la diplomoj al la lernantoj de la vintra kurso. La sukcesintaj gelernantoj estis kore gratulitaj de la prezidanto, kiu esprimis ankaŭ sian dankon al la kvar gvidantoj de la kurso: F-ino De Buyser, S-roj Boeren, Vermuyten kaj Van Schoor. La dua parto de la vespero estis dediĉita al la memoro de Dro Zamenhof. S-ro Jaumotte priparolis mallonge la modestan, laborplenan vivon de la Majstro kaj S-ro Vermuyten deklamis versaĵojn rilatajn al la lastaj tagoj de Zamenhof. Post ĝenerala kantado de la «Espero» kaj aliaj kantoj, la membroj finigis plej agrable tiun belan vesperon.

La 13an kaj 15an komenciĝis la novaj kursoj, kiujn gvidas F-ino De Buyser, S-roj Boeren, Vermuyten kaj Van Schoor. La grupo starigis ankaŭ specialan kurson por fremduloj, gvidatan de S-ro Willy De Schutter.

La 17-an, S-ro Van der Veken parolis pri «La Verda Stelo», film-kaj aliaj steloj» kaj lerte pritraktis kelkajn terajn kaj kosmografiajn aferojn.

En la ĝenerala kunveno de la 24a, S-ro Jaumotte raportis pri la Kunveno de la Belga Ligestraro, kiun ĉeestis li kaj S-ro De Ketelaere, kiel delegitoj de «La Verda Stelo». S-ro Schoofs priparolis la baldaŭan Kongreson en La Panne.

Je la ĝenerala aprobo, la komitato decidis organizi kelkajn ekskursojn al diversaj lokoj.

BRUSELO. — La Brusela grupo estas definitive restarigita sub la nomo de «Belga Ligo Esperantista». — «Sekcio de Bruselo». — La komitato estas jene kunmetita: Prezidantino: F-ino M. A. Jennen: Vicprezidanto: S-ro Mathieux; Sekretariino: F-ino S. Obozinski; Kasisto-Bibilotekisto: S-ro E. Baez; Kursgvidanto: S-ro M. Somerling.

La jara kotizo estas Fr. 24.—. La kunvenoj okazas ĉiulunde je la 8a vespere en «Foyer Intellectuel», popola universitato de St. Gilles, 13, rue Sterckx, kie okazas perfektiga kurso, paroladoj, Lud-kaj kantvesperoj kaj... interbabiladoj. La Bruselaj Samideanoj estas elkore invitataj ĉeesti tiujn kunvenojn.

Dudeko da gegrupanoj intencas ĉeesti la kongreson en La Panne.

BRUSELO. — La 26an de Marto nia malnova Antverpena pioniro S-ro Oscar Van Schoor faris bonegan propagandan paroladon por kvin-

deko da membroj de la Scienca Hejmo (Nationale Pharmaceutique), Avenue de Cortenberg. Grandan sukceson li rikoltis. Dankinte nian samideanon, la prezidanto de la societo esprimis la esperon, ke kurso okazu kiel eble plej baldaŭ, kaj li certigis, ke multaj ĉeestantoj ĝin partoprenos.

BRUGO. — La bonega propagando farita de niaj Bruĝaj amikoj donis siajn fruktojn: la grupo varbis sian centan membron!

Gratulojn meritas la tieajn agemajn propagandistojn kaj precipe ilian prezidanton!

GENTO. — «Genta Grupo Esperantista» malfermis la 28an de aprilo novan kurson ĉeestatan de ĉirkaŭ 30 gelernantoj. Ĉiuj fariĝis anoj de la grupo kun abono al «Belga Esperantisto»!

LOKEREN. — La 28an de Aprilo okazis kunveno de la tieaj malnovaj Samideanoj por restarigi la movadon. La Esperantistoj el Antverpeno, Gento kaj Sankta Nikolao intencas viziti Lokeren dum la junia monato por helpi niajn Lokeren'ajn amikojn.

MEĤLENO. — La tiea grupo organizis vivplenan balon, kiu okazis la 17an de aprilo en «Salle de Paris». Ĝi sendis telegramon al Varsovio okaze de la inaŭguro de la «Monumento Zamenhof».

---

# PROGRAMOJ.

LA VERDA STELO. — Antverpeno. — En la sidejo, «De Witte Leeuw», Frankrijklei, 4, Avenue de France.

15 Majo, je la 20a h.: Parolado de S-ro De Ketelaere, M., pri la libro «Stranga Heredaĵo» de Luycken.

22 Majo: ne okazos kunveno;

22-23-24 Majo: 15a Belga Kongreso en La Panne;

29 Majo, je la 20a h.: Muzikvespero;

5 Junio, je la 20a h.: Ĝenerala kunveno de la membroj;

12 Junio, je la 20a h.: Amuza vespero;

19 Junia, je la 20a h.: Parolado de S-ro M. Jaumotte.

---

## BELGA GAZETARO.

ANTVERPENO. — «De Diamantbewerker» 1-5: granda artikolo pri la lastaj progresoj de Esperanto precipe en la laboristaj kaj sindikataj rondoj.

«De Nieuwe Gazet» 9-3: raporto pri koncerto en «La Verda Stelo», 7-4: radiotelegramo pri la konferenco en Locarno; 20-4: noto pri la malkovro de la monumento al Zamenhof.

«Le Matin» 20-4: «Je la gloro de Zamenhof», artikoleto pri la monumento.

«Gids voor den Model-Mekanieker, Elektrieker en Radio-Liefhebber» Aprilo: Unupaĝa artikolo titolita «Por kompreni alilandajn radio-staciojn, unua leciono de Esperanto-kurso gvidata de S-ro M. Somerling.

BRUGO. — «Brugsch Handelsblad» 17-4: deziresprimo por Esperanto de Soc. d'Etude et de Vulgarisation de la Zoologie Agricole.

BRUSELO. — «La Dernière Heure» 20-4: publikigas telegramon el Varsovio pri la monumento Zamenhof, sub jenaj titoloj: «Al la kreinto de Esperanto-Monumento al li estas starigita en Varsovio — Honorigo el ĉiuj landoj de la mondo».

«L'Etincelle» 4-4; 17-4: du notoj pri la progresoj de nia lingvo.

«Le Peuple» 20-4: noteto pri monumento Zamenhof.

«Le Foyer Intellectuel» 15-3: opinio pri Esperanto de D-ro Mayer, Generala Leman, L. Lumière kaj Tolstoi.

CHARLEROI. — «Journal de Charleroi» 7-1: kroniko pri lasttempaj progresoj de E.

LOKEREN. — «Het Vrije Waasland» 1-11: pri turista karto de Svislando.

MEĤLENO. — «Le Journal de Malines» 25-4: notoj pri Esperanto kaj Radio kaj pri festo en la loka grupo.

TOURNAI. — «Avenir du Tournaisis» 8-1: Pledo por int. lingvo, de Tristan Bernard.

## GRATULOJ.

Ni prezentas nian sinceran gratulon al **Sro Ant. Verschueren**, ĉefinspektoro de la urba instruado, en Antverpeno, kiu estas nomita Kavaliro de la Ordeno de Leopoldo. Sro Verschueren diversfoje montris per faktoj sian simpation al nia lingvo kaj sian fidon en ĝia estonteco.

**S-ino Borckmans-Deru**, lernejestrino, en Spa, ankaŭ estis nomita Kavaliro en la Ordeno de Leopoldo; al tiu samideanino ni sincere gratulas.

Edziĝis en Mehleno **S-ro J. Cnops**, membro de la loka grupo, kun **F-ino C. Serneels**. Al la juna paro ni prezentas niajn samideanajn gratulojn kaj korajn bondezirojn.

# ESPERANTO FACILA

## MIA FILETO «HELPAS» MIN!

La nomo de mia filo estas Nanalal kaj li estas trijara. Sed se la gelegantoj supozas, ke li estas malgranda knabo, ili certe eraras. «Rigardu, mi estas tiel granda!» li diras kaj metas sian manon sur la kapon aŭ proksime la frunto. Tiam li etendas siajn brakojn tiel alten kiel eble kaj diras: «Se mi estas tiel granda kiel la patro, ni havas du patrojn». Antaŭ kelkaj tagoj mi ripozis kun mia bubeto sur la sofo, niaj kapoj estis proksimaj unu al alia. «Vidu, mi estas tiel granda kiel vi, nur miaj kruroj ne estas sufiĉe longaj».

Memkompreneble, «tiel granda» knabo ŝatas esti utila, laboranta familiano,li ŝatas «helpi».Kun granda plezuro li alportas diversajn objektojn: pantoflojn, gazeton, korbon, k. t. p.. La ĝojo pliiĝas se la objektoj estas en la dormejo aŭ en la mansardo. Li tre ŝatas rigardi tra la fenestro en la straton; ofte la vitroj estas kovritaj kun densigita vaporo. Tiam li purigas la fenestron, unue li prenas la tukon, kiu «parolas» (la ŝama tuko pepas, kiam oni ĝin frotas sur la vitro), kaj poste la sekan. Fakte la vitro estas pli malpura ol antaŭ, sed Nanalal povas nun bone observi la vivon en la strato.

Kun granda plezuro mia bubo helpas lavi. Kun guma buŝtuko kaj suprenlevitaj manikoj li staras ĉe la lavkuvo, plenigas kaj malplenigas botelon per pokaleto, ludas per la ŝaŭmo kaj demandas min fari grandajn vezikojn kaj meti vezikon sur la buŝon de la botelo. Post la lavado mia bubo rigardas siajn manojn tre kontente kaj diras: «Nun mi estas preta, kaj miaj manoj estas puraj». Mi forportas la akvon en sitelo kaj la helpeno,filo denove «helpas».Kutime li nur metas la manon al la sitelo; la lastan fojon li verŝajne intencis montri sian forton kaj puŝis la

sitelon antaŭen, ke la akvo ŝprucis teren. Ne nur la planko malsekiĝis sed ankaŭ la ŝtrumpoj kaj pantofloj de Nalalal. Mi sidigis lin sur seĝo kaj tre rapidis por fini la tutan akvolaboron. Ĉar la tagmanĝo ne ankoraŭ estis preta. Bone kaj certe veturas, kiu veturas malrapide! Rapidante mi mem verŝis akvon; tio multe amuzis mian sentaŭguleton sed tute ne min. Kiam mia edzo venis hejmen, ĉio estis en bona ordo, la manĝo ankaŭ estis preta ĝustatempe. Mia fileto kun sekaj ŝtrumpoj kaj ŝuoj rakontis triumfe al la patro: «Nanalal verŝis la akvon proksime la pordo kaj patrino proksime la tablo!»

Kelkfoje Nanalal akompanas min en la mansardon por preni karbon. Li vere bone ŝovelas ilin en la sitelon, nur la laboro daŭras tre longe kaj mi certe jesas, se li demandas: «Sufiĉas?» Sed li ankaŭ ŝatas helpi porti la sitelon kaj tute ne kontentas se mi proponas al li porti la ŝovelilon.

Mi nun iras malantaŭen sur la ŝtuparo, portante la sitelon per ambaŭ manoj sufiĉe alte por ke Nanalal povas helpi min, t. e. meti la du manojn sur la tenilon. La okuloj de mia fileto brilas sed ŝajnas al mi, ke mi preparas min por la cirko.

Kiam mi bakas, neniu kaj nenia ludilo interesas la helpanton, li ankaŭ bakas kaj knedas kaj fine similas al muelisto. Tablo, seĝo, planko estas blankaj je faruno.

Ne estas necese rakonti ankoraŭ pli multe, oni jam scias, ke la helpema bubeto ofte malhelpas min. Ĉiuj gepatroj scias, kiel feliĉaj kaj fieraj la infanoj estas, se ili povas «helpi». La feliĉa, ridanta vizaĝo de mia fileto komprenas min kaj mi atendas pacience ĝis li estos vere granda knabo, kiu efektive helpos min.

Erna Sindhwad.

---

# BRITA UNIO POR LA LIGO DE NACIOJ

Tiu Unio, sidanta en Londono, faris en Aprilo 1926 jenan rezolucion pri internacia helpa Lingvo:

« Konsciante, ke reciproka komprenebleco estas esenca por internacia kompreno kaj konkordo, bonvenigas la aprobon de la Brita Asocio (por la progresigo de la scienco) pri la enkonduko de internacia helplingvo kiel aldona komunikilo inter personoj, kiuj ne lernis la lingvon unu de la aliaj. Ĝi notas la konkludojn de la Brita Asocio, ke la Latina estus tro malfacila por tiu celo, kaj ke la alpreno de la lingvo moderna donus nekonvenanjn superaĵojn kaj ekscitus ĵaluzon. Ĝi subtenas la elekton de Esperanto, kiun faris la brita Asocio, pro : a) ĝia neŭtraleco, b) ĝia simpleco, c) la bone elpensita principaro, sur kiu ĝi baziĝas, d) la rapideco, laŭ kiu ĝi estas lernebla, e) la amplekso de ĝia jama uzado.

La Unio por la Ligo de Nacioj bonvenigus deklaron de la Liga de Nacioj, instigantan la Registarojn de Membro-Ŝtatoj, ke ili kuraĝigu la instruadon de Esperanto en la lernejoj, kaj proponantan, ke la Komitato pro Intelekta Kunlaboro estu petata, se necese, sugesti plibonigojn, kiuj igus Esperanton pli efika komunikilo inter la nacioj.

# MONKOLEKTO POR "ESPERANTA LIGILO"

REVUO EN ESPERANTO POR LA BLINDULOJ.

| | |
|---|---|
| Sumo de niaj antaŭaj listoj (B. E. 1924, p. 197) | Fr. 843.— |
| F-ino Bl. Geers, Antverpeno | Fr. 5.— |
| Sumo: | Fr. 848.— |

# PROBLEMOJ

Ŝajnas ke niaj belgaj Esperantistoj ne estas emaj, sekvi la ĝeneralan inklinon pri solvado de krucvortaj problemoj, Ĉiuokaze ni ricevis nur treege malmulte da solvoj, ĝis tia grado, ke, se niaj legantoj ne esprimas deziron pri daŭrigo de la koncerna rubriko, ni vere ne plu povas oferi al ĝi nek multekostan tempon por la kunmeto de la problemoj, nek valoron paperon por ilia publikado.

La grupoj almenaŭ bonvolu pritrakti tiun aferon kaj informi nian direktoron pri ilia deziro.

# 18-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

KAJ

INTERNACIA SOMERA UNIVERSITATO.

EDINBURGO — 31 Julio ĝis 7 Aŭgusto 1926.

**El «Bultenoj 3a & 4a», 30-3 & 24-4-1926.**

ADRESO POR LETEROJ: Sekretarioj, 18-a Kongreso de Esperanto, Edinburgo, Skotlando.

ALIĜOJ: Jam 371: Laŭ la nacieco: — Skotoj 110, Angloj 177, Germanoj 26, Francoj 6, Poloj 5, Nederlandoj 9, Aŭstroj 5, Ĉeĥoslovako 1, Kimroj 5, Italoj 3, Svisoj 2, Japanoj 2, Hispanoj 3, Usonanoj 5, Jugoslavo 1, Urugvajano 1, Irlandanoj 2, Finno 1, Braziliano 1, Ruso 1, Kataluno 1.

ALIĜILOJ: Disdonitaj pere de Gazetoj. Nericevintoj bonvolu peti aliĝilon rekte de la sekretarioj. Tiuj, kiuj intencas aliĝi, bonvole ne prokrastu.

GASRANTIA KAPITALO: Jam garantita L. 296.

DONACOJ RICEVITAJ: Por ordinara Kaso L 44. Por Blindula Kaso L. 21. (Kaso por ebligi blindulojn partopreni la Kongreson).

Por Speciala Celo L. 60: de du malavaraj samideanoj, sub la ĉifra devizo, «Smizropga tivŭut hahome un ĉosopĵuh.

La unua solvonto de tiu ĉifro ricevos de la donacintoj senpagan kongreskarton.

SOMERA Universitato (Senpage por ĉiuj Kongresanoj): Al la listo de paroladoj donita en Bulteno 2-a, oni aldoni sub «Flokloro kaj Popolaj kantoj»: — Katalunaj: S-ro Jaume Grau Casas, kaj Hispanoj: S-ro Julio Mangada Rosenorn. S-ro Andreo Ĉe prelegos pri «La rekta metodo en la instruado de Esperanto. Por kursgvidantoj» anstataŭ pri la temo anoncita en Bulteno 2-a.

La fama Franca Sciencisto Prof. Charles Richet skribas jene: «Mi estos tre fiera esti honora prezidanto de la Somera Universitato de l'Esperantista Kongreso en Einburgo. Mi havas nur unu bedaŭron, ke mi ne povos ĉeesti».

FAKAJ KUNVENOJ: Organizontoj bonvolu anonci frue siajn dezirojn. Ĝis nun malmultaj anoncis.

ORATORA KONKURSO: Konkursontoj bonvolu avizi pri siaj intencoj partopreni.

TRAMVETUROJ: La L. K. K. sukcesis fari fiancan aranĝon, laŭ kiu ĉiu Kongresano povos uzi senpage dum la Kongresa periodo, ĉiujn Edinburgajn tramveturilojn, kaj omnibusojn.

KONGRESA FOTOGRAFIĜO: Okazos mardon, 3 Aŭgusto.

KONGRESARANĜOJ: Aldone al informo citito en Bulteno 2-a, la L. K. K. nun plezure anoncas, ke la internacia konata fortepianisto, S-ro Jean Baptiste Toner, ludos solaĵojn ĉe dimanĉa koncerto.

AKCEPTO ĈE BRITAJ HAVENOJ: Kongresanoj irontaj al iu el la jenaj havenoj, anoncu al la respektive nomataj samideanoj, sufiĉe longe antaŭtempe, la daton de alveno, por ricevi dum la trapaso ian helpon bezonatan.
London: London Congress Committee, c/o British Esperanto Association, 17 Hart Street, London, W. C. 1.
Belfast: F-ino S. M. Cullough, 78 Earlswood Road, Strandtown, Belfast.
Bristol: S-ro E. M. Preston, «The Rosery», Westbury-on-Tryn, Bristol.
Dover: S-ro W. Chitty, 51 Park Avenue, Dover.
Dublin: S-ro T. P. Barry, 46 Caledonia Terrace, Haddington Road, Dublin.
Foldkestone: S-ro J. S. Clugh, 62 Guildhall Street, Folkestone.
Glasgow. F-ino huille, 32 Minerva Street, Folkestnoe.
Grismby: S-ro W. M. Nowel, 194 Farebrother Street, Grimsby.
Hull: S-ro A. E. Hepton, 89a Crafton Street, Hull. S-ro F. W. Coulson, ĉe Ŝipkompanio, «Wilson», Hull.
Liverpool: S-ro J. D. Applebaum, 11 Mayville Road, Mossley Hill, Liverpool.
Newcastle: S-ro A. R. Fairbairn, 21 St Mary's Terrace, Ryton-on-Tyne.
Southampton: S-ro R. N. Bruton, 14 Suffolk Avenue, Southampton.

PASPORTOJ: Ĉiu ne Brita ano vojaĝanta al la Kongreso el fremda lando bezonos nacian pasporton. Irontoj el Belgujo, ne bezonos vizojn. Ĉiuj kunportu dokumentojn por certigi al la Enmigrada Oficisto, kiu renkontos la ŝipon ĉe Brita haveno, ke la celo de la vizito estas la Kongreso.

MENDILOJ POR LOĜADO, k. t. p.: Jam senditaj al Kongresanoj. Nericevintoj bonvolu peti mendilon rekte de la sekretarioj. Jen estas la tarifoj por loĝado: —
Tarifo A. Lito kaj matenmanĝo en privata domo, pensionejo, aŭ hotelo: po 5, 5 1/2, 6, 7, 8, .................. ĝis 15 ŝilingoj por ĉiu tago.
Tarifo B. Lito, matenmanĝo, kaj vespermanĝo en granda pensionejo, aparte rekomendata de la Loka Kongresa Komitato: po 9 aŭ 11 ŝilingoj por ĉiu tago.
Tarifo C. Tre malkara aranĝo por loĝado — komforta sed ne luksa — en grandal ĉambroj de lernejo, provizitaj per apartaj litoj, taŭga, ekzemple, por viroj (studentoj, knabskoltoj, k. t. p.): Lito kaj tri bonaj manĝoj ĉiutage ĉe apuda restoracio, 35 ŝilingoj por sep tagoj. Mendoj ne akceptotaj post 1 Junio.

PATRONOJ: La konata socia ekonomiisto Prof. Patrick Geddes fariĝis Patrono.

DISERVO: Protestanta Diservo okazos en la fama Katedralo Sta Giles. Prediko de Pastro D-ro Grahame Bailey, Londona Universitato.

LA KONGRESA LIBRO (unika perilo por reklamado) estos sendata al Kongresanoj ĉirkaŭ la fino de Junio. Reklamojn (kosto po L. 4 por paĝo) oni sendu al S-ro W. M. Page,, 31 Queen St., Edinburgh, ne pli malfrue ol 28 Majo.

## Kiel la Belgoj vojaĝas al Edinburgo?

Jen la diversaj vojplanoj por iri al la nunjara kongreso:
1. — Antverpeno - Harwich (ŝipe), Harwich - Londono - Edinburgo (fervoje): prezoj: III kl.: L. 4-4-11; II kl. L. 6-12-6. Servo ĉiutaga.
2. — Antverpeno - Grimsby (ŝipe), Grimsby - Hull - Edinburgo (fervoje), prezoj: III kl. L. 3-13-1; II kl. L. 4-15-1. Servo: ĉiujaŭde kaj ĉiusabate, reveturo ĉiulunde, merkrede kaj sabate.
3. — Ostendo - Dover (ŝipe), Dover - Londono - Edinburgo (fervoje): prezoj: III kl. L. 3-0-4; II kl. L. 5-10-11. Servo ĉiutaga.
4. — Gento - Hull (ŝipe), Hull - Edinburgo (fervoje): prezoj: III kl. L. 3-15-8; II kl. 4-16-1. Servo ĉiuvendreda.
5. — Cook - biletoj turistaj: Antverpeno - Harwich - Londono - Edinburgo (ira kaj revene): ŝipo I kl., fervojo II kl. 8-12-0; ŝipo IIa kl., fervojo III kl. L. 7-12-0.

* * *

Aliflanke, S-ro J. H. Fitton, Shepley, Huddersfield (Anglujo) sciigas. ke li havigas turistan bileton (ŝipon: Ia kl.; fervojo: IIIa kl.), kondiĉe ke almenaŭ 20 personoj partoprenas de Hull aŭ Grimsby: **Antverpeno - Grimsby - Sheffield - Huddersfield - Leeds - York - Newcastle - Edinburgo kaj revene** por L. 5-10-0; aŭ **Zeebrugge - Hull - Edinburgo kaj revene**, por L. 6-0-0 (Duaklase surŝipe: L. 4-10-0).

Karavano de Grimsby kaj Hull, kiu vizitos fabrikejojn ĉe Sheffield, Huddersfield kaj Leeds, kaj pasigos nokton en antkva urbo hork, se sufiĉa nombro aligas. La kosto, L. 2-0-0, kovros hotelon kaj ĉiujn manĝojn de lunĉo jaŭdon 2-an Julio ĝis alveno en Edinburgo, vespere, sabaton 31-an.

Restado en la kongresurbo ĉe komforta hotelo (ĉambro, ĉiuj manĝoj, servado kaj trinkmono) dum 6 tagoj (sabatvespere ĝis vendredvespere) estas havebla por la sumo de L. 3-10-0.

Antaŭpago: L. 1.0.0. Frua aliĝo estas necesa.

Belgaj samideanoj aŭ alilandaj, kiuj povus veturi tra Antverpeno aŭ Zeebrugge, skribu al Fr. Schoofs, ĉefdelegito de U. E. A., por aranĝo de ebla karavano el Belgujo.

## DIVERSAJ INFORMOJ.

NOVA ESPERANTISTA ENTREPRENO. — Jus fondiĝis en Londono akcia kompanio, sub la titolo «The Esperanto Institute Limited», por akceli la progreson de Esperanto pere de ĝia praktika aplikado kaj uzado. La Direktoroj estas S-roj H. Boll, Charles H. Edmonds, F. L. Jones, F. R. Shelton, G. T. Smith, kaj F. E. Wadham, kies nomoj estas bone-konataj de multaj samideanoj tra la mondo. La Kompanio estas leĝe registrita kun oficejo ĉe Welwyn Garden City, apud Londono.

Jam funkciantaj fakoj estas reklamagentejo, vojaĝagento kaj libroeldonejo. La Kompanio estas oficiale difinita kiel Tutmonda. Disvendagentejo por la Esperantaj Gramafondiskoj «Linguaphone».

Siatempe ĝi difinos agentojn en ĉiu lando por peri rilatojn. La adreso por leteroj estas: The Esperanto Institute Limited, Welwyn Garden City, Herts., Anglujo.

* * *

LA VI-a KONGRESO DE LA FEDERATION ESPERANTISTE OUVRIERE okazos en Paris, dum Pentekosto (23-24 majon). Tiuokaze la Laborista Grupo de la Parizo regiono organizos, la 22 majon je 20 h. 30, propagandan feston, en la ĉambrego de la Kooperativo «La Bellevilloise», 23, rue Boyer, Paris XX. La labor-kunvenoj lokiĝos ankaŭ tie.

* * *

PANEUROPA UNIO uzas Esperanton. Kiu deziras informojn pri tiu organizajo skribu al ĝia centra ficejo: Hofburg, Wien (Aŭstrujo).

# BIBLIOGRAFIO.

KATALUNA ANTOLOGIO. — Kompiliita de Jaume Grau Casas. Eldonita en Barcelona en 1925. 416 paĝoj 16 × 22.5 cm. Prezo: 11 Sv. Fr. aŭ 15 Pesetoj.

Ni havas antaŭ ni tiun belegan kreaĵon de S-ro Jaume Grau Casas kaj ĝi inspiras al ni simpatian admiron kaj grandan respekton: «Kataluna Antologio» estas grava verko en kaj por la Esperanto-movado. La enhavo estas interesa laŭ ĉiuj vidpunktoj. Juĝu mem: Post antaŭparolo, en kiu la aŭtoro konigas al ni la katalunajn lingvon kaj literaturon, ilian historion kaj disvolviĝon, la libro komenĉiĝas per la antikvaj aŭtoroj; sekvas granda kolekto da popolkantoj kun muzikao, kaj finigas ĝin la modernaj aŭtoroj. Entute pli ol 150 tradukaĵoj. La intereso de la libro estas pligrandigata per al aldono de bonaj biografiaj notoj pri ĉiuj cititaj aŭtoroj.

Estas rimarkinde por la Flandranoj, kiom la fragmentoj el la verkoj de la antikvaj aŭtoroj kaj la popolkantoj similas mezepokajn flandrajn verkaĵojn. La samaj subjektoj, la sama instruanta tono; por la kantoj precipe la samaj belaj vortoj kaj la sama muziko iom malgaja, plena je amo, estas troveblaj en ili.

Pli ol kvardek nomoj estas en la listo de la modernaj aŭtoroj. Prozo kaj poezio sinsekvas, unu pli bela ol alia. Kaj ofte ni rimarkis je ni mem, alvenanate al fino de iu fragmento: bedaŭrinde, ke jam finiĝas... Sed pri tio konsolis nin tuj sekvanta versaĵo aŭ prozaĵo!

La Katalunoj vere trovis la bonan rimedon por konigi sian ekziston. Kaj ke la kunlaborintoj al tiu ĉi ĉefverko plene komprenis sian taskon, pruvas al ni la grava bibliografia parto de la libro.

Sed ni ne nur konsideru tiun unuan celon de la eldonintoj, ni ankaŭ klare akcentu la duan : la grandegan valoron de la libro por nia movado. Starigi tian monumenton estas unu el la plej efikaj propagandmetodoj, kiuj ekzistas. Ni esperas, ke multaj nacioj sekvos la ekzemplon.

La libro ne estas romano, nek kutima literaturaĵo, sed la tuta animo de popolo, animo, kiu post kelkaj jaroj da memforgeso sin retrovas kaj kiu donas per tia verko esprimon de sia interna vivado kaj pensado.

Se la klopodoj de S-ro Jaume Graŭ Casas kaj de lia plej diligenta kunlaborinto, lia frato Josep, estis gravaj kaj malfacilaj, la rezulto de tiu penado ilia certe ilin plene rekompencos. Ĉar la verko estas tia, ke ni, Esperantistoj, nur povas bedaŭri, ke nia Majstro ne plu estas inter ni, por ke li vidu kaj juĝu, kiamaniere malgranda popolo sin konigas dank'al lia kara lingvo internacia.

Ni forgesis diri, ke la libro sin prezentas en luksa eksteraĵo. Resume, ni povas diri, ke la eldonintoj tute ne transiris la limon de la vero, kiam ili anoncis «Monumenton»!

Willy DE SCHUTTER.

PRO IŜTAR. — Romano el la antikva Babela historio. Originale verkita de H. A. Luyken. — Eldonis Ferdinand Hirt & Sohn en Leipzig. 1924. Esperanto-Fako. 308 paĝoj: 13.5 × 18.5 cm. Prezo: Orm. 5.50.

Nia literaturo, de kelkaj jaroj, pliriĉiĝis per diversaj originalaj verkoj imponantaj, kiuj montras la egan gravecon akiritan de nia lingvo en la mondo. «Pro Iŝtar» estas unu el ili. Legante tiun belan verkon, oni fieriĝas esti Esperantisto kaj oni feliĉiĝas konstatante ke Esperanto estas kapabla produkti tian artan verkon. Ĉar arta verko en la plej nobla kaj pura senco estas «Pro Iŝtar»: belega, interesiga romano originala, ĝi transportas la leganton en vere orientan atmosferon antikvan. La leganto vere kunvivas kaj kunsentas la multenombrajn okazintaĵojn orientajn! — En la persono de la aŭtoro ni salutu grandan literaturan talentulon. Ne nur li posedas imagpovon senliman sed li esprimas sin per stilo admirinda pro simpleco kaj perfekteco. Liaj frazoj fluas plej harmonie kaj plej klare! Nenia malheleco, nenia komplikaĵo pripensiganta: sed ĉiam legaĵo facila kaj ripoziga kaj interesplena. Tiu fakto devenas parte de la stila talento de l'aŭtoro, (unu el niaj plej grandaj stilistoj) kaj parte ankaŭ ĉar li uzis preskaŭ nur la radikojn de l'Universala Vortaro: tio donas al la verko karakteron vere klasikan. Kia ekzemplo por tiuj, kiuj opinias, ke ni bezonas konstante novajn vortojn!

Jen do libro inda je la plej granda disvastiĝo: Ĉiu Esperantisto, ĉiu Esperantista societo devus ĝin posedi en sia biblioteko, ĉar modelo ĝi estas laŭ ĉiuj vidpunktoj.

L. COGEN.

INTERNATIONALE HULPTAAL ESPERANTO, — LEERBOEKJE naar de fransche brochuur «Premier Manuel», door Fr. Schoofs. — Tweede uitgaaf: 15e duizend. Prijs: 50 centiem. 1926. Antwerpen. — Belga Esperanto-Instituto, Samenwerkende Maatschappij.

Jen, post kelkaj monatoj nur, la dua eldono, kiu alkondukas ĝis la 15a milo, de la flandra traduko de la franca «Premier Manuel». Pri la interna valoro de tiu verketo estas ja senutile paroli: okaze de la unua eldono ni diris, kiom zorge estis farita tiu traduko kaj kia bonega propagandilo ĝi estas por la flandra parto de nia lando: la nomo de la tradukinto estis cetere, kaj restis, la plej bona kaj fidinda garantio pri tiu valoro. La dua eldono estas ankoraŭ pli bone zorgita je aspekto (presmaniero, papero kaj koverto), kaj je propaganda vidpunkto. Universala Esperanto - Asocio, Belga Ligo Esp., Grupo «La Verda Stelo» estas rekomenditaj en ĝi kun ĉiaj necesaj klarigoj, kiel ankaŭ listo de lernokaj legolibroj eldonitaj en nia lando. Sur la interna koverto staras eltirajo el la raporto pri Esperanto, de la Pariza Komercoĉambro, k. c. — Unuvorte, bonega propagandilo, kaj kio ne estas la malplej kuraĝiga, estas, ke tiu dua eldono estis necesa nur post kelkaj monatoj: tio pruvas la sukceson de nia afero en la flandra parto de nia lando, kaj la grandegan utilecon estintan kaj estontan de tiu broŝureto.

L. COGEN.

JARLIBRO DE LA LINGVA KOMITATO KAJ DE ĜIA AKADEMIO. — (Esperantista dokumentaro pri la oficialaj, historiaj, bibliografiaj kaj statistikaj aferoj.) Kajero tridek-kvar kompilita de Th. Cart. Eldonita de la Esperantista Centra Oficejo, rue de Clichy, 51, Paris. 1925. 16 paĝoj de 15 × 22.5 cm. Prezo: fr. Fr. 1.—. — Enhavo: Deklaracio de la Akademio, Regularo de la Lingva Komitato, Regularo pri verkoj rekompencotaj de la Akademio, Komentario, Nomaro de la Lingva - Komitatanoj.

DEKSESA UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO. — (Esperantista Dokumentaro pri la oficialaj, historiaj, bibliografiaj kaj statistikaj aferoj). Raportoj pri la 16-a Kongreso de Esperanto en Vieno, 6-14 Aŭgusto 1924 eldonitaj de la Centra Komitato de la Esperanto-Movado, 12 Boulevard du Théâtre, Genève. 64 paĝoj de 16.5 × 25 cm. Prezo: ne menciita.

LA IVa DANZIG-A INTERNACIA FOIRO. — 2 paĝa flugfolieto pri la foiro en Danzig. 22 × 28.5 cm. eldonita de Danziger Messe, Esperanto-Fako.

FARIĜU STENOGRAFISTO. Por praktike uzi Esperanton, por realigi la deziresprimon de la Komerca Konferenco. 8 paĝa broŝuro de 11 × 17 cm. Senpage ricevebla de P. Flageul, 9 boulevard Voltaire, Issy-les-Moulineaux, Seine, Francujo.

ESPERANTO. — LINGVO INTERNACIA. — Kelkaj vortoj pri la esenco de Esperanto en Hebrea lingvo kun aldono de la tuta gramatiko

kaj bildo de D-ro Zamenhof. 16 paĝoj de 17 × 24 cm. Eldonita de N. B. Chavkin, Delegito de U. E. A., Jerusalem. — Krom la broŝuro ekzistas ankaŭ afiŝforma eldono kun sama enhavo.

LINGVAJ RESPONDOJ de D-ro L. L. Zamenhof. Plena kolekto de la respondoj aperintaj en: La Esperantisto (1889-1893), La Revuo (1906-1908), La Oficiala Gazeto (1911-1912) kaj en aliaj gazetoj. Kun letero pri la deveno de Esperanto. Eldonita de la Esperanta Centra Librejo. 51, rue de Clichy (9e). Paris, Libro de 96 paĝoj de 15.5 × 21 cm. Prezo: sur peza papero fr. 7.50, sur malpeza: 5.—.

Grandan servon faris al la Esperantistaro la Pariza centra Librejo, eldonante tiun plenan kolekton de la valoraj konsiloj de nia majstro. Krom la Fundamento kaj la Fundamenta Krestomatio ĉiu Esperantisto devas posedi tiun libron.

LA KATALUNA POPOLKANTO. — Studo originale verkita en Esperanto de Joan Amades kaj Jaume Grau Casas. (Kun naŭ versaj tradukoj kaj melodioj). Premiita de la XI-aj Internaciaj Floraj Ludoj. — Barcelona 1925. Libro de 32 paĝoj (21.5 × 15 cm.) Prezo: 1 Pes.

Belega priskribo kaj laŭdo de la popolaj kantoj kaj speciala klarigo pri la kataluna popolkanto. Interesa studo.

RESPONDOJ AL KONTRAŬRELIGIAJ PAROLOJ, de Msgro de Ségur. Laŭ la germana traduko de P. Henriko Müller, S. V. D. (12-a Eldono). Esperantigis D-ro Adolfo Halbedl 1925. Presita kaj eldonita ĉe «Styria», Universitata Presejo kaj Eldonejo, Graz (Aŭstrujo), 224 paĝa libro (19 × 12 cm.) Prezo: nemontrita.

La aŭtoro tre detale respondas al 53 kontraŭdiroj kontraŭ la religio katolika. La defendo estas tre lerta kaj interesa. La traduko estas plej laŭfundamenta, t. e. ke ĝi estas tre simpla kaj klara, kiel Zamenhof deziris, ke nia lingvo estu. La eldono estas zorge farita. Entute la libro estas valora dokumento.

VIKTIMOJ. — Originale Esperanto - romano verkita de Julio Baghy. Romano el la Vivo de Siberiaj militkaptitoj. Eldono de la Hungara Esperanto Instituto. Budapest 1925. 164 paĝoj (12.5 × 16 cm.) Prezo: 25.000 Hung. Kr.

Ni ne volas multe aldoni al la titolo kaj subtitolo de tiu nova perlo en la originala libraro Esperanta. La libro estas aparta represo de emociiga romano jam publikigita en «Literatura Mondo». Ni ĝin rekomendas varme al ĉiuj Esperantistoj. Aŭtoroj kiel Julio Baghy plej trafe pruvas, ke nia lingvo havas animon, ke ĝi estas vere jam vivanta.

PSIKANALIZO KAJ EDUKADO. verkita de S-ro Pierre Bovet, Profesoro ĉe la Universitato de Genève, Direktoro de la Instituto J. J. Rousseau. Eldonita en Genève, 4, rue Charles Bonnet. Bela libro enhavanta 40 paĝojn (14.5 × 21.5 cm.) Prezo: Sv. fr. 2.—.

Psikanalizo estas metodo per esplori la subkonscion, elpensita de D-ro Freud, Wiena kuracisto. La libro, traduko de franca originalo, pritrak-

tas jenajn temojn: 1. Kio estas psikanalizo? 2. La psikanaliza metodo kaj ĝiaj proceduj. 3. La analiza psikologio kaj ĝiaj aplikoj en edukado. Ĝi estas sendube tre interesa por edukistoj, al kiuj ni rekomendas ĝian legadon.

POSTMORTA VIVO. — El «la Rakontoj el Spirita Mondo». Eldonejo: Oomoto, Ajabe, Kioto-fu, Japanujo. 1924. 12 paĝo libro de 18.5 × 13 cm. Prezo: nemontrita. Verkis Wanisaburo Deguto, tradukis Tadakaen Juri.

AVILA. — Hispana Biblioteko-Esperanta: Historio - arto - literaturo - tradico - belaj naturaĵoj —. Verkita kaj eldonita de Julio Mangada Rosenörn - Glorieta de Bilbao, 5, Madrid. Hispanujo. 64 paĝa ilustrita gvidlibreto tra Avila 17 × 12 cm. Prezo: 1 Peseto.
Belega multilustrita sur luksa papero eldonita gvidlibro de la hispana urbo Avila.

ESPERANTA LEGOLIBRO. — Verkita de B. kaj E. Migliorini. La libro enhavas tri partojn: Tra la vivo, tra la lingvo, tra la literaturo. Eldonis A. Paolet, S. Vito al Tagliamento (Italujo) 1925. — 144 paĝoj de 11.5 × 16.5 cm. Prezo: Lirojn 5.—.
La bele eldonita libro enhavas kvindekon da bonaj literaturaĵoj en prozo kaj en poezio de niaj plej bonaj aŭtoroj. Komencantoj havos per ĝi agrablan kaj instruan legaĵon.

VI SOLA, ESPERANTO, POVAS FARI TIAJN MIRAKLOJN! Unuakta originala teatraĵo. Premiita ĉe la X-aj Internaciaj Floraj Ludoj. Eldonanto: A. Paolet, S. Vito Al Tagliamento. 1924. Verkita de Arturo Ghez por la Malgranda Biblioteko de «Itala Esperanta Revuo» sub patronado de Itala Katedro de Esperanto. — 40 paĝa broŝuro de 12 × 8 cm. Prezo: Lirojn 1.50.

LA PROBLEMO DE LA LINGVO INTERNACIA. — Originale verkis Medeiros E. Albuquerque; tradukis D-ro Nuno Baena. Eldonita de Brazila Ligo Esperantista Praça 15 de Novembro 101, Rio de Janeiro, Brazilio. 24 paĝa broŝuro 18.5 × 13.5 cm. Prezo: nemontrita. Esperanta traduko de la bonega pledo en portugala lingvo por Esperanto.

INTERNATIONAL RADIO MANUAL. — By Harry A. Epton, F. B. E. A. — Eldonita de The British Esperanto Assoc., Inc. 17, Hart street W. C. 1 London, 1925. 80 paĝa broŝuro de 10.5 × 16 cm. Prezo: 6 pencojn. — Speciala malgranda lernolibreto en angla lingvo por radio amatoroj, kun vortareto de radio - terminoj angla-Esp. kaj Esp.-angla. Tre praktika libreto.

LA EVANGELIO LAŬ SANKTA JOHANO. — Tradukita el la originala Greka teksto de Prof. Wren J. Gristead, Doktoro D. O. S. Lowell kaj Pastro R. P. Anderson. — Publikigita Scripture Gift Mission, 14 Bedford Street, Strand, W. C. 2. Havebla de la Esperanta Kolportista Asocio, 64, St. Thomas' Road, Finsbury Park, London, N. 4, Anglujo 64 paĝa ilustrita libreto de 11.5 × 7.5 cm. Prezo: nemontrita.